Jaro IV. Februaro-Marto-Aprilo-Majo 1914. 7-8-9-10

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

(I. P. R.)

OFICIALA MONATA ORGANO DE

— Internacia Asocio de Instruistoj. (I. A. I.) —

JARA ABONO : Sm. 1.500 — Senpaga por la membroj de I. A. I.

Membra kotizo por 1 jaro (La asocia jaro komencas la 1an de Aŭgusto)
- ordinara - membro : 1 Sm.
- membro - propagandulo : 4 Sm.
- membro - donaculo : 10 Sm.

N. - B. — I. A. I. ankaŭ akceptas dankeme ĉiujn donacojn, kiuj helpas ĝian agadon.

## Tarifo pri anoncoj.

Por unufoja enpreso :

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1/1 paĝo . . | Sm. 16 | 1/8 paĝo . . | Sm. 3,200 |
| 1/2 paĝo . . | Sm. 10 | 1/16 paĝo . . | Sm. 2 |
| 1/4 paĝo . . | Sm. 6 | | |

Malgrandaj anoncoj nekomercaj Sm. 0,200

Rabato por 3-foja enpreso : 10 %
» » 6-foja » 20 %
» » 12-foja » 30 %

N. - B. — La membroj de I. A. I. pagas nur je duonprezo, krom la rabato, ĉiujn anoncojn.

---

*Avizoj de la Redakcio.* — Nepresitajn manuskriptojn ni resendas nur tiam, se oni aldonis poŝtpagon por resendo. — La redakcio konservas por si la rajton korekti laŭ bezono la manuskriptojn. — Represoj kaj tradukoj de niaj artikoloj estas permesataj, se ili ne estas speciale rezervitaj ; sed oni ĉiam citu nian revuon kaj sendu al ni almenaŭ 2 ekzemplerojn de la tradukaĵo. — En la fako « Bibliografio » estos registrataj nur tiuj gazetoj aŭ libroj, en kiu ajn lingvo, de kiuj venis almenaŭ 2 ekzemplerojn. — La redakcio respondas letere aŭ poŝtkarte nur tiam, se oni aldonis por la respondo internacian respondkuponon aŭ respondkarton.

---

REDAKTORO - ADMINISTRANTO :
Sro JAN JACOBS, kasisto de I. A. I.
BOOMSCHE STEENWEG 444, ANTWERPEN — BELGUJO.

## Estraro de I. A. I.

Honora prezidanto : Sro Dro E. Boirac, rektoro de la universitato, Dijon, (Francujo).

Prezidanto : Sro Th. Cart, profesoro de la universitato, Paris, (Francujo).

Vic-prezidanto : Sro Maréchal, profesoro, Leeds, (Anglujo).

Vic-prezidantino : Sino H. Zapater de Chalmot, profesorino. Köln a/R (Germanujo).

Sekretario : Sro F. Durieux, direktoro de lernejo, 71, rue de Bouvines, Lille (Francujo).

Kasisto : Sro J. Jacobs, komunuma instruisto, 444, Boomsche Steenweg, Antverpeno (Belgujo).

Konsilantoj ; Sro P. Christaller, profesoro, Stuttgart (Germanujo)
Sro Building, instruisto (Anglujo).
Sro E. Backheuser, profesoro, Rio de Janeiro (Brazilujo).
Sro Schönherr, instruisto, Dresden (Germanujo).
Sro Dro Clark, profesoro, Arborfield (Anglujo).
Sro O. Simon, profesoro, Wien (Aŭstrio).

---

## Konstantaj korespondantoj

ANGLUJO : Fino E. O'Brien. — AŬSTRIO : Sro A. Neŭzil. — BOHEMUJO : Sro J. Süsser. — BULGARUJO : Sro G. Poppoff. — DANUJO : Fino A. Mikkelsen. — FINNLANDO ; Sro E. Elenius. — FRANCUJO : Sro J. Aizière. — GALICIO : Sro J. Kaszycki. — GERMANUJO : Sroj M, Sykora & K. Härtel. — HINDUJO : Sro J. N. Unwalla. — IRLANDO ; Fino Stark. — ITALUJO : Sro A. Stromboli — NEDERLANDO : Sro Lutkie. — POLUJO : Sro A. Lipski. — PORTUGALUJO ; Sro J. Pires Marques. — RUMANUJO : Sro M. Timuŝ — RUSUJO : Sro S. Kuznecov. — SIBERIO : Sro I. Seriŝev.

---

I. P. R. estas tute ne profitcelanta entrepreno. Ĝi nur estas la oficiala organo de I. A. I. Ĉar tiu ĉi asocio staras ekster ĉia politika aŭ religia agado, I. P. R. ankaŭ ĉiam portos tian saman krakteron kaj neniam publikigos artikolon kiu povus iel ajn ofendi la politikan aŭ religian opinion de siaj gelegantoj. Oni ankaŭ ĉiam memoru ke ju pli multnombraj la anoj de I. A. I. estos, ju pli granda iĝos I. P. R.

---

Vendotaj tute je la profito de la kaso de I. A. I. : « *La Tutmonda Lernolibro por paroligi Esperanton* », originale verkita de F. L. G. Maréchal, B. A. — Prezo : **0.500** Sm. (afrankite) (Donaco de la aŭtoro).

« *Noto pri la Inicilo Matematika* » (16 desegn) ajoj en la teksto kaj unu folio eksterteksta kun 16 desegnajoj, verkita de Jacques Camescasse. — Prezo : **0.400** Sm. (afrankite) (Donaco de la aŭtoro).

***Akvo-trinkpokaletoj*** por la migrulo. — Prezo 3 ope por **0.100** Sm. (1 respondkupono) (afrankite) (Donaco de S-ro E. Ulitzsch).

Oni mendu tuj ĉe la administranto de I. P. R.

---

Presejo Esperantista : « DE VLIJT » Nationalestr. 54, Antwerpen.

# PARIS 1914!

Vi devas legi en la arte ilustrita

**KONGRESA GAZETO**

la cirkulerojn de la Organiza Komitato;
la informojn de la Komisionoj;
la praktikajn konsilojn de M. Z. A.;
la artikolojn de famaj Esperantistoj;
la nomaron de la Kongresanoj;
la respondon al ĉiuj viaj demandoj.

SED....

por legi tion, necese estas ricevi la Gazeton.
Ricevos ĝin *nur* la jam aligintaj Kongresanoj.

VI ALIĜU!

SE VI ALIĜOS EKZEMPLE EN MARTO, LA UNUA DE VI RICEVOTA NUMERO ESTOS LA APRILA : : : : : : : : : : : : : : :

*La unua numero aperos en Januaro 1914.*

---

# LUEBLA

# Tragedio de rusaj instruistoj en Siberio.

Lernejo devas esti kiel la dua familio. Lernantoj amikaj estas la pliaĝaj kaj malpliaĝaj anoj de l' familio. La sincereco en interrilatoj jen kio devis esti enmetita kiel fundamento de ĉi tiuj rilatoj. Ja tio estas malnovaj veraĵoj, proklamitaj de Pestaloci, fervorege defenditaj de L. N. Tolstoj, Raĉinskij kaj de granda vico de aliaj pensuloj, arde amantaj lernejon. Nune estas malfacile trovi la porpopolan instuiston, kiu malakceptas verecon kaj rajton de tiaj veraĵoj en la vivo. La idealoj de lernejo restas tamen nur kiel idealoj. Ili (veraĵoj) estas predikataj en paĝoj de pedagogiaj ĵurnaloj, sur prespaĝoj. Sed idealoj estas unu afero, la vivo do tute alia. Instruisto de porpopola lernejo en NIA tempo estas plejmulte okupita pri demando de sia propra bonstato. Se io povus okazi ? ! Se iu « bonfarantulo » ielmaniere denuncus lin al estraro ? ! Jen kio maltrankviligas instruiston ! Ĉu estas povebla revi pri iaj idealoj, kiam super la kapo pendas Domokla glavego ! ? Mi deziras tie ĉi konatigi la leganton kun tragedio de kelkaj instruistoj de porpopola lernejo, — kun tragedio, kiun devigtravivas en nia tempo la centoj da reprezentantoj de la rusa vilaĝo, — de reprezentantoj, devigataj — « semi ion prudentan, bonan, eternan. »

Jen unu porpopola instruisto ; dum 12 jaroj li « laboras » en ministra (registara, neeklezia) lernejo ; li profunde ekamis la lernejon, amegis la aferon de instruado ; poste li edziĝis ; antaŭe li toleris sian patron alkoholulan, sed jen li ne plu havis povon esti atestanto de insultaĵoj, kiujn faras lia ebria patro rilate sia edzino (patrino de instruisto), ekkomenciĝis la konfliktoj. — Ha, ci ekkomencis min instrui ! Instrui sian patron ! Nu, mi montros al ci kiel ci povas instrui la patron ! — Kaj la patro skribaĉas al estraro la denuncon pri sia filo, troviĝis la « atestantoj » inter kiuj ankaŭ estis loka pastro. La kulpigo estis starigita sur sojlo de politiko. «Kaj se la patro denuncas sian filon instruiston, pensas la estraro, tiam klare estas, ke ĉe la instruisto estas la afero ne — « pura ».

Baldaŭ la instruisto ricevas la «paperon» pri sia eksigo. Ĉiaj liaj penadoj pri sindefendo restis senfruktaj. Vole nevole li forlasis la lernejon. — Ĉu vi ne scias ian oficon de kontoristo aŭ ion alian, por ke mi povu iel maniere vivi, loĝi? demandis min « eksigita instruisto ». La pala koloro de l' vizaĝo, nerva voĉo, kaŝita ie en profundo de la animo ofendo, — jen kion mi povis « tralegi » sur lia vizaĝo. Baldaŭ mi eksciis, ke li sukcesis aranĝi sin iel.

Jen ankoraŭ 2 instruistoj el unu duklasa lernejo. Oni denuncis je ili, ke ili kvazaŭ sin okupis pri politiko. — Estraro, plenumante sian devon, aperis en lernejo ; ekkomenciĝis la « elserĉaĵoj », la demandesploroj; pri ĉio ili interesiĝis, ĉion' ili (estrantoj) esploris, sed nenie ili trovis la politikan « odoron ». Ĉu vere nenia politikaĵo tie ĉi ekzistas? pensis la estraro, sed esplorantoj decidis per unu bato atingi la celon, » aŭ, kiel diras la rusoj « subite preni la bovon je ĝiaj kornoj ». Ili demandis unu el lernantoj de plialta klaso : « Kia estas regadministrado en Ruslando? » Konstitucia, respondis li, iome pripensinte. Ha, jen kie estas la perfido ! decidis la estraro. Baldaŭ estis ricevita « la papero », per kiu ambaŭ instruistoj estis forigitaj el lernejo, kaj la instruistino, por esti punita ( ! ? ), estis translokita el dua klaso en la unuan, kaj ambaŭ instruistoj perdis siajn oficejojn. Ĉu ni devas daŭrigi la malgrandajn historietojn el vivo de popolaj instruistoj? Estas amaso da ili. Mi supozas, ke sufiĉas la supra cititaĵo. Nur la sola estas ankoraŭ dirinda, t. e. ke porpopola instruisto de l'nuna tempo vivas tiel malfacile kiel iam antaŭe oni vivis. Materiale porpopola instruisto neniam vivis bone. Eĉ la monopolbrandvendisto estas pli bone monkompensita ol instruisto. Sed ankoraŭ pli multpeza, sufokiganta estas tia atmosfero, en kia li (instruisto). devas vivi kaj labori en lernejo. Denuncoj kaj punoj (kiel ekz. eksigoj, alilokigoj, translokigoj) jen skorpioj, kiuj surŝutiĝas sur lian kapon kiel kvazaŭ el abundaĵujo.

Antaŭ nelonge unu instruisto, mia malnova konatulo, diris al mi : Ci (instruisto) sidas en lernejo kaj ne scias, ĉu eble jam estas skribata aŭ jam skribita pri ci ia den-

unco ! Ĉu jam estas al ci sendita de estraro la « eksigpapero ? » Ne — provu labori en similaj kondiĉoj ! Ĉu ne estas pri mi jam verkita la denunco ? Ĉu mi ne estas alilokigita aŭ eksigita ? demandas sin ĉiam porpopola instruisto de l' nuntempo. — Idealoj de lernejo — kie vi estas ?....

Sro Mikaelo Aleksejeviĉ
el urbo « Ĉita ».

Tradukis pastro In. Seriŝev, el Krasnij-Jar, Siberio, Zabajkala oblast, Azia Rusujo.

---

## La naturesploranto Fabre.

Ĉiujare dum libertempo mi translokiĝas en angulo de Provenco (Suda Franclando) apud la vilaĝo Serignan (elp. Serinjan) kie la mondfama naturesploranto Fabre, serene, atendas la « ĉiopovan Falĉistinon de l'homoj » Fabre, ja, estas tre maljuna, pli ol okdekjara. Li mortos ĉe la « malgranda patrujo » kie li naskiĝis, kie li vivis en trankvileco kaj gloro. Kaj tamen li restis, longatempe tute nekonata de siaj sampatrujanoj. Kutime en vilaĝetoj oni ne renkontas eminentulojn, sciencistojn, k. t. p. Tie loĝas kamparanoj, ŝtatoficistoj, instruistoj, poŝtistoj, k. t. p. Sed la eminentularo loĝas en Parizo. Tien alvenas el ĉiuj partoj de la lando tiuj kiuj esperas atingi riĉecon, gloron, famon. Multnombraj estas tiuj kiuj malsukcesas, malesperas. Parizo promesis gloron, ĝi alportis elreviĝon. Sed espero estos ĉiam homa forto kiu permesas elporti malhelpaĵojn kaj suferojn de l' ĉiutaga vivo. Per espero oni povas vivi, diras prave franca proverbo. Neniam Fabre iris renkonten al la Gloro. Tute nevole la gloro alvenis al li. Modeste, pacience, li laboris esplorante la vivkondiĉojn, la organizon de la malgrandaj insektoj. Li sin okupis pasie pri la vivo de papilio, cikado, formiko, flankenlasante la altrangulojn. Liaj esploroj, eltrovaĵoj pri la entomologio estas konatoj de ĉiuj sciencistoj. Fabre verkis librojn legindajn por ĉiuj kvankam li parolas pri insektoj, kaj perfektaj laŭ literatura vidpunkto. Antaŭ ol

liaj verkaĵoj estis disvastigitaj en Francujo oni estis ilin tradukintaj fremdlingve. Tiu modesta entomologiisto estas perfekta verkisto, eĉ poeto.

Plurfoje eminentuloj vizitis lin en lia malgranda vilaĝo. Lastan jaron li akceptis faman vizitanton nome S-ron R. Poincaré, Prezidanto de la Respubliko, kiu, tiam, faris rondiran vojaĝon tra Francujo. Nu, tiu geniulo ĉe kiun, ministroj, sciencistoj, k. t. p. alvenas de malproksime por li honori, tiu nobla maljunulo (ĉu vi scias?) estis komence... instruisto. Fabre, ja, studis ĉe la Normala lernejo en Avignon (elp. Avinjono) kaj fariĝis instruisto en Orange. Ne sole li apartenas al nia homklaso sed al nia pedagogia rondo. *Li estas nia !* Tial la instruistaro ne forgesis nek lian modestan devenon nek lian noblan profesion. Antaŭ nelonge ĝi proponis starigi monumenton, honore al li. Ĉiu el ni donacis arĝentmoneron kaj rapide la celon oni atingis. La monumento jam staras meze de la korto de la Normala Lernejo Avignona, preta por la inaŭguraciaj festoj.

Kun fiereco ni povas, ni instruistoj, de la tuta mondo ĉeesti enpense aŭ persone la apoteozon de unu el la plej gloraj filoj de l' homaro.

A. ROUVERET, instruisto
*Bagard - Gard, France.*

---

# La Stato de la Instruado en Virtembergo

(*WUERTTEMBERG*)

(*Respondoj al demandaro de* S ro J. AIZIÈRE.)

(La sekvanta rilatas nur al Virtembergo, la diversaj regnoj de Germanujo havas iom diferencajn regulojn.)

I.

1. La unuagrada instruado estas deviga por geknaboj de la 7-14a jaraĝo. Neobeantoj estas monpunataj de la polico. (La pasintan jaron oni en Stuttgart enkasigis 94 Sm. per tiaj monpunoj.)

2. Ĝenerale la programoj lernejaj estas samaj en la tuta lando por knaboj kaj knabinoj.

3. La lerntago daŭras de 8-12a (somere de 7-11a) kaj de 2-4a. Merkredon kaj sabaton posttagmeze ne estas instruado ; do 32 horojn daŭras la instrua tempo dum ĉiu semajno, en ili estas enkalkulitaj la paŭzoj inter la diversaj fakoj, tio estas matene dufoje, posttagmeze unu fojon paŭzo da 15 aŭ 10 minutoj. Somere iafoje oni libertempas 3an aŭ eĉ 4an posttagmezon. Dum varmega aŭ malvarmego sezono oni iafoje liberigas la lernantojn je instruado, por ke ili banu aŭ glitumu,

2. En unu lernoĉambro estas 40-60, meznombre 48 lernantoj.

5. La libertempoj daŭras je Pasko 2 semajnojn, somere 6, je Kristnasko 2 semajnojn. Entute la libertempoj enhavas 65 labortagojn.

II.

1. Du ekzamenoj estas necesaj por fariĝi instruist(in)o.

2 - 3. Ekzistas en Virtembergo 6 seminarioj evangelianaj kaj 3 katolikaj por estontaj instruistoj ĉe unuagrada lernejo. La instrua tempo daŭras 6 jarojn (pli frue 4 jarojn). Por instruistinoj ekzistas 1 seminario. La kursoj tie daŭras 4 jarojn La aĝo de la seminarianoj estas de 14-20 (iafoje de 15-21).

4. La ŝtata instruad-administracio, la «Oberschulrat» (supera lerneja konsilantaro) donas oficon al la geinstruistoj kaj eksigas ilin, la estroj de la seminarioj estas sankciitaj de la reĝo mem.

5. En ĉiu lernejo estas direktisto kies titolo estas «rektoro».

6. Ĝis nun oni elektis la rektorojn el la instruistaro, sed de nun oni postulas akademian studon. La rektoroj ankaŭ instruadas, tamen dum malpli da horoj ol aliaj instruistoj.

III.

1 - 2 La salajroj de instruistoj en «popol-lernejoj» estas minimume 800 Sm. ; jen tabelo pri la salajro :

| | Instruistoj | Instruistinoj |
|---|---|---|
| Antaŭ ilia definitiveco kaj antaŭ la 2a ekzameno (po tago) | 1,500 Sm. | kun loĝejo |
| Post la 2a ekzameno (po tago) | 1,750 Sm. kun loĝejo | 1,650 Sm. kun loĝejo |

| Post definitiva sankcio | Instruistoj | Instruissinoj |
|---|---|---|
| | 800 Sm· * | 650 Sm. » |
| post 3 servojaroj | 875 » * | 700 » * |
| » 6 » | 950 » * | 750 » * |
| » 9 » | 1050 » * | 800 » * |
| » 12 » | 1150 » * | 850 » * |
| » 15 » | 1250 » * | 900 » * |
| » 18 » | 1350 » * | 950 » * |
| » 21 » | 1.475 » * | 1050 » * |
| » 24 « | 1600 » * | 1150 » * |

* Ĉiam kun senpaga loĝejo, (instruisto rajtas almenaŭ 4 ĉambrojn, instruistino 2 ĉambrojn kun kuirejo ktp.) se servoloĝejo ne estas havebla oni donas loĝo-kompenson. (*)

Ekzistas ĉe ni « Mittelschulen » ili estas iom altigitaj unuagradaj lernejoj (en kiuj oni instruas ankaŭ la francan lingvon); en tiuj la geinstruistoj ricevas plion da salajro de 100 Sm. Fraŭleco aŭ edzeco ne diferencigas la salajron.

3. La salajro estas pagata parte de la ŝtato, parte de la komunumo, la partoj diferencas laŭ nombro de la loko-loĝantoj. La komunumoj pagas por ĉiu instruisto 550-1100 Sm. Mezaj aŭ grandaj urboj rajtas aldoni plisalajron ĝis 200 Sm., sed tiu sumo estos ignorata ĉe kalkulo de la pensio.

4. La instruistoj povas akiri pliajn enspezojn oficajn per orgenista ofico, per instruado en vesperaj lernejoj, per gvidado de aranĝoj por gardado, promenigo de lernantoj

(°) Mia informanto diris, ke tiu kompenso estas 450 Sm. Sed tio ŝajnas erara, ĉar en la ĉefurbo Stuttgart la kompenso atingas nur 425 Sm. kaj ĝi estas la plej alta.

dum la senistruaj tempoj (posttagmezoj aŭ libertempoj). Privatajn enspezojn ili ofte havas por privata instruado al malfacile lernantaj geknaboj, en unuiĝoj kie oni okazigas por la membroj instruon pri diversaj fakoj, ktp.

La rektoroj ricevas kromsalajron de 100 Sm. kiam ili estras 7 klasojn, 150 Sm ĉe 8-14, 200 Sm ĉe pli ol 14 klasoj

IV.

1, La geinstruistoj rajtas pension.

2-3. Tion post plenumo de 9 servojaroj ; la aĝo ne estas decidiga pri tio. (kiam ili maltaŭgiĝis pro sia profesio ili ricevas ioman pension jam antaŭ la nomita templimo).

4. De komenco de la 10a servojaro la pensio estas 40 °/₀ de la salajro (la loĝkompensaĵo estas ignorata). Ĉiujare la pensio plialtiĝas je 1 3/4 procentoj ĉe salajroj ĝis 1200 Sm. Ĉe pli altaj salajroj la sumo de 1200 Sm. plialtiĝas je 1 3l4, la plia sumo je 1 1/2 °/₀ ĉiujare.

5. Pli frue oni deprenis iom el la salajro pro la pensio sed nun ne plu.

Ekzemplo pri la pensio :

Instruisto post la 15a servojaro ricevas salajron da 1250 Sm. post tiu tempo la pensiono

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| estas | 48,75 o/o | el | 1200 Sm. | = | 585 Sm. |
| kaj | 47,50 o/o | el | 50 Sm. | = | 23,750 Sm. |
| | | | entute | | 608,750 Sm. |

La vidvino ricevas ĝuste duonon de la pensio, do en la supozita okazo : 304,375 Sm. por ĉiu infano ne atinginta aĝon de 18 jaroj estas pagata unu dekono de la pensio, do 60,875 Sm.

V.

1. La instruistoj rajtas voĉdoni, la geinstruistoj rajtas skribi en gazetojn.

2. La instruistoj povas esti balotataj eĉ en la parlamento.

3. Ili ne rajtas komerci, kiam iu instruisto deziras eniĝi en inspektantan aŭ konsilantan komitaton de iu entrepreno li devas peti permeson, tia partopreno ĉe *profitemaj* entreprenoj ne estas permesata.

P. Christaller, *Stuttgart.*

# La novaj salajrogradoj de la instruistaro en Nieder-Österreich (Maŭstrio) escepte la ĉefurbon Wieŋ. Laŭ la leĝo de 1. januaro 1911.

| Kategorio | Oficharaktero | Salajro | | Aĝo-aldonoj laŭ la servjaroj | LOĜEJA KOM DE LA INSTRUISTARO<br>Instruistoj : | Instruistoj : | Funkciaj aldonoj en lernejoj kun |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| I. | Direktoroj kaj direktorinoj en burĝaj lernejoj. | 2200 K (916'66 Sm) | Post 20 servjaroj 2400 K(1000 Sm) | 8 aldonoj po 200 K (83'33 Sm) atingeblaj post la finita 4a, 8a, 12a, 16a, 21a, 26a, 31a kaj 36a servjaroj, de farita ekzameno pri instrua kapableco. | Senpaga loĝkompenso en loko kun<br>pli ol 15000 loĝantoj kaj<br>Baden 1000 K (416'6<br>En aliaj lokoj 900 K (3 | 500 K (208'33 Sm) | ĝis 8 klasoj 400 K (166'66 Sm)<br>9 » 10 » 500 K (208'33 Sm)<br>11 » 12 » 600 K (250 Sm)<br>13 » 14 » 700 K (291'66 Sm)<br>Por ĉiu plua klaso rekompencon de 50 K (20' 3 Sm). |
| | Fakinstruistoj kaj fakinstruistinoj en burĝaj lernejoj. | | | | ĝis 2000 loĝantoj 500 K<br>2000 » 6000 » 600 K<br>6000 » 10000 » 700 K<br>10000 » 15000 » 800 K)<br>pli ol 15000 » 900 I | ĝis 2000 loĝantoj 300 K (125 Sm)<br>2000 » 6000 » 400 K (166'66 Sm)<br>pli ol 6000 » 500 K (208'33 Sm) | —— |
| II. | Ĉefinstruistoj kaj ĉefinstruistinoj en popolaj lernejoj. | 1800 K (750 Sm) | | | malpli ol 10000 loĝantoj 500 n)<br>10000 ĝis 15000 » 600<br>pli ol 15000 » 700 )° | 500 K (208'33 Sm) | ĝis 3 klasoj 200 K ( 83'33 Sm)<br>4 » 5 » 300 K (125 Sm)<br>6 » 8 » 400 K (166'66 Sm)<br>9 » 11 » 500 K (208'33 Sm)<br>Por ĉiu plua klaso rekompencon de 50 K (20'83 Sm). |
| | Geinstruistoj en popolaj lernejoj. I. Klaso. | | | | ĝis 2000 loĝantoj 300 I<br>2000 » 6000 » 400 )<br>6000 » 10000 » 500 )<br>10000 » 15000 » 600<br>pli ol 15000 » 700 )° | ĝis 2000 loĝantoj 300 K (125 Sm)<br>2000 » 6000 » 400 K (166'66 Sm)<br>pli ol 6000 » 500 K (208'33 Sm)° | —— |
| III. | Geinstruistoj en popolaj lernejoj II. Klaso. | 1200 K (500 Sm) | | | 300 K (125 S | 300 K (125 Sm) | —— |

Provizoraj geinstruistoj de la II. Klaso kun atesto pri matureco ricevas ja ncon de 1000 K (146'66 Sm), kun atesto pri kapableco 1200 K (500 Sm).

(°) NOTO : La saman loĝkompenson ricevas la geinstruistoj de la Ia kaj IIa kat aj 13 urboj : Baden. Breitenstein. Brühl. Enzenreith. Gainfarn. Gloggnitz. Payerbach. Puchberg. Raach. Reichenau. Schottwien. Vöslau. Weikersdorf.

Alois Halsamasek, instuisto en Unter-Themenaŭ. Nieder-Œsterreich. Aŭstrio,

**La novaj salajrogradoj de la instruistaro en la imperia ĉefurbo Wien kaj en ĝiaj 21 distrikoj.**
**Laŭ la leĝo 1 septembro 1910.**

| Kategorio | Ofica karaktero. | Salajro. | Aĝo-aldonoj laŭ la servjaroj: Instruistoj. | Aĝo-aldonoj laŭ la servjaroj: Instruistinoj. | Loĝeja kompenso de la instruistaro: Instruistoj. | Loĝeja kompenso de la instruistaro: Instruistinoj. |
|---|---|---|---|---|---|---|
| I. | Direktoroj kaj direktorinoj en burĝaj lernejoj | 3000 K. (1250 Sm.) | 10 aldonoj po 2c0 K. (83'33 Sm.) atingeblaj post la finita 3a, 6a, 9a, 12a, 16a, 20a, 24a, 28a, 32 kaj 36 servjaro, post farita ekzameno pri instrua kapableco. | 8 aldonoj po 200 K. (83'33 Sm) atingeblaj post la finita 4a, 8a, 12a, 16a, 20a, 24a, 28a kaj 32 servjaro, post farita ekzameno pri instrua kapableco. | Senpaga loĝejo aŭ loĝkompenso, 1400 K (583'33 Sm.) Brulaĵo kaj lumado 320 K (133'32 Sm.) | 1000 K (416'66 Sm.) |
| II. | Ĉefinstruistoj kaj ĉefinstruistinoj en popolaj lernejoj. | 2600 K. (1083'33 Sm.) | | | Senpaga loĝejo aŭ loĝkompenso. 1300 K (541'66 Sm. Brulaĵo kaj lumado 320 K (133'33 Sm.) | 900 K 375 Sm.) |
| III. | Fakinstruistoj kaj fakinstruistinoj en burĝaj lernejoj. | 2200 K. (916'66 Sm.) | | | 1000 K (541'66 Sm.) Post 20 servjaroj 1200 K (300 Sm.) | 600 K (250 Sm.) |
| IV. | Geinstruistoj en popolaj lernejoj. 1. Klaso. | 1800 K. (750 Sm.) | | | 800 K (333'33 Sm.) Post 20 servjaroj 1000 K (416'66 Sm.) | 600 K (250 Sm.) |
| V. | Geinstruistoj en popolaj lernejoj. 2. Klaso. | 1400 K. (583'33 Sm.) | | | 600 K (250 Sm.) | 400 K (166'66 Sm.) |
| VI. | Helpantaj geinstruistoj en burĝaj lernejoj. | 1800 K. (750 Sm.) | | | 600 K (250 Sm.) Post 10 servjaroj 800 K (333'33 Sm.) | 400 K. 166-66 Sm,) |
| VII. | Helpantaj geinstruistoj en popolaj lernejog. | 1400 K. (583'33 Sm.) | | | 600 K. (250 Sm.) | 400 K (166'66 Sm.) |

Provizoraj geinstruistoj 2a klasa en popoloj kaj burĝaj lernejoj kun atesto pri matureco ricevas jaran rekompenson da 1200 K (500 Sm.), kun atesto pri kapableco en popolaj lernejoj 1440 K (600 Sm.) kondiĉe ke la rilataj geinstruistoj instruadis almenaŭ 2 jarojn en Wien.

ALOIS HALAMASEK, instruisto en Unter-Themenaŭ, Nieder-Osterreich. Aŭstrio.

# Striko de Instruistoj en Skotlando

En Britujo ofte okazas strikoj inter la laboristoj, sed lastatempe okazis en Skotlando tre malofta afero, striko inter la instruistoj.

La punkto de la disputo estas jena. En Skotlando, en urboj, urbetoj, kaj vilaĝoj, okazas multe da vesperaj klasoj, speciale dum la vintra sezono. La instruistoj de la tagaj lernejoj, elementaj kaj altgradaj, instruas en la vesperaj lernejoj, kune kun unu aŭ du specialaj kaj neprofesiaj instruistoj. Kompreneble, oni pagas la instruistojn speciale por tiu ĉi vespera laboro. Sed jen la punkto. La estro de ordinara taga lernejo, kiu ĉiam ricevas sufiĉe bonan salajron, neniam devas esti estro en vespera lernejo, ĉar tiu ofico, kiu valoras en tiu ĉi okazo 600 Sm. po jaro, estas kompenso al la klasinstruisto, ĉar estas tre granda diferenco inter lia salajro kaj salajro de estro en taga lernejo.

Nun, la Neilston'a edukadestraro en Skotlando rompis tiun ĉi ordinaran regulon, kaj transdonis al sinjoro kiu estas lernejestro en taga lernejo, la oficon de estro ankaŭ en la vespera lernejo. Se tiu ago havas signifon, la signifo estas ke la Neilston'a edukadestraro ne fidas al siaj ordinaraj klasinstruistoj, aŭ kredas ke inter ili, ne estas eĉ unu instruisto kiu estus taŭga persono kiel estro de vespera lernejo. Kompreneble, la instruistoj en tiu distrikto akceptis tion kiel insulton al si mem kaj strikis, rifuzis instrui en la vesperaj lernejoj. Ekzemple, en la vilaĝo Barrhead,kie ordinare estas tri vesperaj lernejoj, nun povas okazi nur unu pro la striko. Kvankam la fino de la disputo ne ankoraŭ alvenis, tri punktoj estas notindaj.

(1) La forta unueco montrita de ĉiuj instruistoj sub tiu ĉi edukadestraro, en la striko, kvankam la okazo ne multe tuŝas la interesojn de multe da ili.

(2) La kunbatalado kaj simpatio de la instruistino, kiujn la afero tute ne, rekte, interesas, ĉar virino neniam estas estrino de vespera lernejo.

(3) La fakto ke, el la kvar mil instruistoj kiuj laboras sub edukadestroj proksime de la loko kie okazas la disputo, preskaŭ neniu deziras kapti la vakantajn lokojn, kvankam la salajro tie-ĉi estas iomete pli bona ol en liaj propraj vesperaj lernejoj.

La strikantaj instruistoj metis la tutan aferon antaŭ la decido de la Asocio de la Skota Instruistaro, kiu nuntempe konsideras ĝin kaj poste faros sian eblon por kontentigi la instruistojn kaj ĉesigi la disputon.

DAVID KENNEDY, *Glasgow*.

---

# Instrulernantinoj

La edukado estas unu el la plej gravaj fakoj de nia socia vivado. Ofte de ĝi fontas ĉu feliĉo ĉu malfeliĉo ne nur de individuo sed ankaŭ de tuta popolo.

Vi do atendas, estimata leganto, ke mi parolos pri la maniero eduki aŭ edukigi vian infanon. Oni jam faris tion tiel ofte, kelkfoje tiel tede (pardonu min la aŭtoroj ! ), ke mi decidis transiri en alian kampon.

Vi scias, ke ekzistas profesiaj edukantoj, kiujn oni kutime nomas instruistoj ; ke ilia laboro estas malfacila pro prilaborata vivanta ŝtofo : ke malgraŭ ĉio oni multfoje kaj multloke kritikas senprave ilian labormanieron kaj « ilian libertempadon »: ke ili malofte renkontas la indatan dankadon. Vi ankaŭ scias, ke tiun profesion kiel alian, oni devas zorge lernadi ; sed ĉu vi scias plene kiel oni ĝin lernas ? Kredeble, ne ! Krom se vi mem ĝin lernis. Kaj eĉ se vi vizitadis intrulernejon, vi certe ne scietas kiel okazas en tiuj alinaciaj : kia estas en ili la vivo de lernanto aŭ lernantino, ilia spirita stato, iliaj interrilatoj inter si, kun la profesoroj, kun la ekstero, k, t. p. Nepre ekzistas tiom da malsimilaĵoj, da specialaĵoj en ĉiulandaj tiaj lernejoj, ke ĉiu el ni miregus legante rakonton pri vivado « enfermita » de venontaj instruistoj fremdaj.

Bedaŭrinde libroj pri tio ŝajnas malmultaj. Ĉar mi

renkontis unu, (1) mi konsideras kiel devon, komuniki mian eltrovaĵon al la tutmonda samideanaro kaj precipe al instruistoj kaj instruistinoj... sed ĝi estas franclingva ! Malgrave, ĉu ne ? Se multaj deziros ĝin koni kaj diskonigi, ni tradukos esperanten. Cetere estas multaj nefrancaj instruistoj kaj instruistinoj, kiuj komprenas, almenaŭ lege, la francan lingvon, kaj tial povos tuj havi la plezuron iom por aliaj prokrastotan.

Tiu verko, titolita « Normaliennes » (= normalaninoj = instrulernejaninoj), estas taglibro de « Normalanino », la travivita studo de ŝia intelekta vivado, de la oftaj sentoj de enpensionuloj. Ĝi ne celas ĝeneraligon, nek partiecon.

La ĉefan agadon oni nomas « bêtisage » en la speci- [...]noj. Ĝi estas kvazaŭ pasia amo al [...]n la viriniĝaj koroj tiam, kiam la [...] pli feliĉaj junulinoj en la medio [...]

[...]kaj komprenigi — tiun spiritan [...]ni estu ĝin sentinta, tiun internan [...]i estu plorinta sen sciata kialo, [...]ekonata idealo.

[...]lanino » subite transiras de la [...] la reala vivo instruistina, vivo [...]ezona, sed ofte ankaŭ izoleca kaj [...]) elreviga, for de l' gepatra hejmo. [...]ajn demandojn ankaŭ pritraktas [...]ega libro : instruistaj asocioj kaj [...]profesiaj aferoj, k. a..

[...]tmondajn geinstruistojn kaj plie [...] dankadu Esperanton, kiu devas servi ne nur por [...]li ĉiutagajn kaj ĉiulokajn aferojn sed ankaŭ kaj precipe por diskonigi kaj utiligi tutmonde ĉion apartan interesindan el ĉiu loko kaj el ĉiu tempo.

A. GIRAUD, Instruisto, 2, rue du Nil, Marseille.



(1) « Normaliennes », franclingva verko de F-ino Albert, Instrulerneja Profesorino kaj de S-ro Armand, Instruisto.

P. S. — Se ekzistas samtemajn verkojn mi tre petas, ke oni ilin al mi konigu, kaj se oni deziras havigi al si la ĉi supre diritan oni al mi sin turnu. (fr. 2,50)

(3) La fakto ke, el la kvar mil instruistoj kiuj laboras sub edukadestroj proksime de la loko kie okazas la disputo, preskaŭ neniu deziras kapti la vakantajn lokojn, kvankam la salajro tie-ĉi estas iomete pli bona ol en liaj propraj vesperaj lernejoj.

La strikantaj instruistoj metis la tutan aferon antaŭ la decido de la Asocio de la Skota Instruistaro, kiu nuntempe konsideras ĝin kaj poste faros sian eblon por kontentigi la instruistojn kaj ĉesigi la disputon.

DAVID KENNEDY, *Glasgow.*

---

# Instrulernan

La edukado estas unu el la
socia vivado. Ofte de ĝi fontas ĉ
nur de individuo sed ankaŭ de tu

Vi do atendas, estimata lega
maniero eduki aŭ edukigi vian in
tiel ofte, kelkfoje tiel tede (pardo
mi decidis transiri en alian kamp

Vi scias, ke ekzistas profesiaj
ime nomas instruistoj ; ke ilia l
prilaborata vivanta ŝtofo : ke mal
multloke kritikas senprave ilian
libertempadon »: ke ili malofte re
adon. Vi ankaŭ scias, ke tiun p
devas zorge lernadi ; sed ĉu vi
lernas ? Kredeble, ne! Krom se
se vi vizitadis intrulernejon, vi c okazas
en tiuj alinaciaj : kia estas en ili vivo de lernanto aŭ lernantino, ilia spirita stato, iliaj interrilatoj inter si, kun la profesoroj, kun la ekstero, k, t. p. Nepre ekzistas tiom da malsimilaĵoj, da specialaĵoj en ĉiulandaj tiaj lernejoj, ke ĉiu el ni miregus legante rakonton pri vivado « enfermita » de venontaj instruistoj fremdaj.

Bedaŭrinde libroj pri tio ŝajnas malmultaj. Ĉar mi

renkontis unu, (1) mi konsideras kiel devon, komuniki mian eltrovaĵon al la tutmonda samideanaro kaj precipe al instruistoj kaj instruistinoj... sed ĝi estas franclingva! Malgrave, ĉu ne? Se multaj deziros ĝin koni kaj diskonigi, ni tradukos esperanten. Cetere estas multaj nefrancaj instruistoj kaj instruistinoj, kiuj komprenas, almenaŭ lege, la francan lingvon, kaj tial povos tuj havi la plezuron iom por aliaj prokrastotan.

Tiu verko, titolita « Normaliennes » (= normalaninoj = instrulernejaninoj), estas taglibro de « Normalanino », la travivita studo de ŝia intelekta vivado, de la oftaj sentoj de enpensionuloj. Ĝi ne celas ĝeneraligon, nek partiecon.

La ĉefan agadon oni nomas « bêtisage » en la speciala lingvo de l'nomalaninoj. Ĝi estas kvazaŭ pasia amo al kunulino, kiu ekfloras en la viriniĝaj koroj tiam, kiam la vera amo naskiĝas por pli feliĉaj junulinoj en la medio familia.

Por kompreni — kaj komprenigi — tiun spiritan danĝeron, necesas, ke oni estu ĝin sentinta, tiun internan vivon suferinta, ke oni estu plorinta sen sciata kialo, sopiranta nekonscie al nekonata idealo.

Poste la « Normalanino » subite transiras de la nenatura lerneja vivo al la reala vivo instruistina, vivo sendependa kaj sindonbezona, sed ofte ankaŭ izoleca kaj malgaja en malproksimo elreviga, for de l' gepatra hejmo.

Plej seriozajn sociajn demandojn ankaŭ pritraktas ĉi-tiu novspeca interesega libro: instruistaj asocioj kaj sindikatoj, feminismo, profesiaj aferoj, k. a..

Ĝi certe plaĉos tutmondajn geinstruistojn kaj plie ebligos, ke ni denove dankadu Esperanton, kiu devas servi ne nur por priparoli ĉiutagajn kaj ĉiulokajn aferojn sed ankaŭ kaj precipe por diskonigi kaj utiligi tutmonde ĉion apartan interesindan el ĉiu loko kaj el ĉiu tempo.

A. GIRAUD, Instruisto, 2, rue du Nil, Marseille.

---

(1) « Normaliennes », franclingva verko de F-ino Albert, Instrulerneja Profesorino kaj de S-ro Armand, Instruisto.

P. S. — Se ekzistas samtemajn verkojn mi tre petas, ke oni ilin al mi konigu, kaj se oni deziras havigi al si la ĉi supre diritan oni al mi sin turnu. (fr. 2,50)

# LA MOVIĜMALSANO

(*Konsiloj de departementa inspektoro al la instruistoj, en okcidenta marborda regiono de Francujo. — El la pedagogia revuo « Le Volume ».*)

Moviĝmalsano estas la febra kaj perioda malkvieteco de la moviĝemaj instruistoj kiuj, almenaŭ unufoje ĉiujare petas oficojn, okupatajn aŭ ne. Je la epoko de la instruista movado, ĉio moviĝas aŭ deziras moviĝi ; ĉar ekzistas movadon, ĉar, tiuj ne stareblaj instruistoj deziras sin movi.

Oni plendas pri tio ne la unuan fojon. Tiu temo estas malnova, kaj tamen ankoraŭ nuna. Nur de ĝi suferas lernejoj.

Ĉu tio devenas de nia franca karaktero ? Ĉu estas senpacienco, malsaĝa ambicio ? La kaŭzoj de tiu malkvieteco, kelkafoje, estas bonaj : resaniĝo, instruado de siaj infanoj, zorgoj al la maljunaj gepatroj, kaj rajta antaŭeniro. Tiuj kaŭzoj estas maloftaj, sed, se ili estas veraj, ili estas valoraj ; do, oni konfesas ilin al ni por kaŝi la aliajn.

Tiaj junaj geedzoj malkuraĝas diri ke ili deziras loĝi en urbo havanta kolegion por sia novnaskitulo : malgraŭ la frumatureco de infanetoj, oni ne ankoraŭ kuraĝas diri tion. Sed, oni havas devojn, familiajn aferojn. Kaj oni certigas ke malpliiĝos la filia sindonemeco ! Neniam ekzistis tiom da filoj kaj filinoj dezirantaj dorloti siajn gepatrojn !

Klimato estas admirinda kaŭzo de ŝanĝo por tiuj kiuj havas nenian. Senpene, ĉiam oni trovas, por necesigi ŝanĝdemandon : nebulojn, marĉojn, tromalvarman montaeron, aŭ malfortigan marventon. Sed, unue, la klimato tro rapide efikas : tuj la loĝigito, niaj geedzoj estas grave malsanaj. Rapide, ili devas foriri ; « Sinjoro Inspektoro, transloĝigu nin. » Komprenu : antaŭeniro ; ĉar, se ili ne antaŭ eniros, mi opinias ke ili ankoraŭ dum kelka tempo suferos la klimaton, kaj estos bonaj.

Antaŭ nelonge, geinstruistoj insiste petis oficon kiu estu nek ĉe la marĉo, nek ĉe la marbordo. Dismetu tiujn

landpartojn, estas regiono malgranda kaj — okaze — la plej ŝatata. La petantoj estas multaj por tiu regiono, kiu ne devas esti privilegio de la malplimulto.Ĉar, en malsanaj landoj estas lernejoj, kaj tion mi ne bedaŭras. Kie estas lernejoj, devas esti instruistoj ; nenia alia maniero estas ebla. Sufiĉas ke oni ne forgesu tiujn kiujn minacas la malsana klimato.

Vere, tro multe da instruistoj, precipe la junaj, opinias ke estas malkonvena loĝi longatempe en sama loko; « kion oni dirus, se ili restadus ? Oni pensus ke ili estas malfavorataj ; do, ilia memestimo vigliĝas. Plie, tia kolego estas translokigita, kial mi ne estus ? Ĉiuj ni estas egalvaloraj, ĉu ne ? » Tiuj rapiduloj, eble, estas sinceraj. Oni malakceptas la valoron de la aliaj, kaj oni deziras aliigi la estran elekton, aŭ eĉ... la estron.

Ni lasu tiun junulon ekscitiĝi, sed ni diru al li sian eraron.

Ni ne malakceptas la rajtojn eltiritajn el la loĝejo, sed oni tro diras. Ekzemple : jam iu instruisto malakceptis oficon ĉar lia meblaro estis pli alta ol la ĉambro.

Pri tio, oni bezonas bonhumoron. Ĉar la estro, kiamaniere li agu, estas kaj estos malbenita ; almenaŭ, ke li estu malbenita... malprave.

Tial mi konsilas al la instruistoj plimulte pripensi la lernejan intereson. Same, mi diras al la instruistinoj, kiujn, tiel rapide, enuo mortigas en la vilaĝo, kaj kiuj petas urban oficon.

Instruistoj ekzistas por lernejoj, kaj ne lernejoj por instruistoj : tion neniu neas.Se estas eble kontentigi ĉiujn, des pli bone ! Sed, mi ne konas tiun sekreton, kaj mi petas pardonón. La lernejan intereson oni devas unue pripensi.

Konfesu ke moviĝmalsano nevaloras por antaŭeniro. Kuracu, kaj resanigu ĝin. En la plej izolata vilaĝo, ekzistas delikatajn kaj certajn ĝajojn ; kaj ofte, tiu urbo kien oni rapidas, estas nur granda vilaĝo en kiu oni trovas malbonaĵojn kaj elreviĝojn : tro kara estas tiu kontentigo de fiereco.

Jen tio kio estas bone diri kaj rediri. Bedaŭrinde, estas senutile... A. M., departementa Inspekoro.

Tradukis : GIRAUDET, instruisto en Bessay, Allier, Francujo.

(Mi estos tre dankema al la alilandaj kolegoj kiuj bonvolos skribi al mi ĉu moviĝmalsano ekzistas en ilia lando.)

---

# EL LA ASOCIA VIVO

*Niaj kunvenoj dum la Xa Kongreso de Esperanto en Parizo.*

Karaj Amikoj !

Jen la programo de la kongreseto de I. A. I. dum la Xa Kongreso en Parizo.

I. Raportoj pri naciaj asocioj. — Diskutado pri generala reorganizado de I. A. I. — Vidu la projekton de nova regularo.

II. Diskutado pri kunedukado.

a) Ĝenerala studado de la temo

b) Nuna stato de la afero en ĉiu lando.

III. Situacio materialo kaj morala de la publikinstruistoj en ĉiu lando.

a) Edukado de la estontaj geinstruistoj,

b) Oficigado — Salajroj —Diversaj gradoj — Laboro. — Direktoroj — Rilatoj inter instruistoj kaj direktoroj-Pensio.

c) Morala situacio — Politikaj rajtoj — Instruistaj asocioj.

IV. Vizitado de diversspecaj parizaj lernejoj.

V. Akcepto de la lokaj geinstruistaj asocioj.

VI. Komuna festeneto.

La ĉefaj kunvenoj okazos merkredon 5 aŭgusto en granda aparta ĉambrego.

Dum la kongreso ni havos specialan konstantan kunvenejon en la kolegio « Chaptal » proksime de la «Palaco Gaumont »

Mi insiste petas ĉiujn niajn kolegojn por ke ili bonvolu studi la temojn diskutotajn, kaj poste ĉu sendi raportojn senpere al mi, ĉu — pli bone — komisii iun el sia samlandanoj por ke li prezentu mem tiujn raportojn.

Por la pariza sekcio : J. AIZIÈRE.
Alfortville, apud Parizo.

---

# Projekto de nova regularo por I. A. I.

Je l'nomo de la franca asocio « Esperanto ĉe la lernejo » ni havas la honoron prezenti la jenan projekton diskutotan dum la venonta kongreso. Insiste ni petas niajn kolegojn por ke ili bonvolu iom pristudi ĝin.

*I. Nomo, difino, sidejo.*

I. A. I. estas federacio de naciaj asocioj de esperantistoj geprofesoroj kaj geinstruistoj. Ĝia socia sidejo estas en Antverpeno, Belgujo, 444, Boomsche steenweg.

*II. Celo.*

Tiu federacio celas :

1e Centralizi kaj diskonigi ĉiujn sciigojn rilatajn al la esperanta movado ĉe la lernejaj medioj.

2e Plifaciligi la rilatojn inter geinstruistoj kaj ankaŭ inter gelernantoj en la tuta mondo.

3e Kunagadi por enkonduki esperanton en niajn profesiajn internaciajn kongresojn kaj en nian internacian oficejon.

4e Diskonigi la ĉefajn okazintajojn pri profesiaj interesoj kaj aparte la lernejan organizadon en ĉiu lando.

5e Studi kaj diskuti pedagogiajn temojn.

*III. Kunmetado kaj kotizoj.*

a) AKTIVAJ ANOJ : 1e *naciaj asocioj* de esperantistaj geprofesoroj kaj geinstruistoj. Asocioj tiaj estas asocioj,

kies membroj apartenas al komuna lerneja organizado memstara. Ili pagas pagas jaran kotizon da 10 centimoj po membro.

Ĉiu ano de naciaj asocioj povas ricevi I. P. R. pagante 800 Sm. = 2 frankojn.

2e *Izolitaj geinstruistoj aŭ geprofesoroj* en la landoj, kie ne ekzistas ankoraŭ nacia societo. Ili pagas 1 Sm. kaj riĉevas I. P. R.

b) APROBANTAJ ANOJ. — 1e *iaj societoj* pagantaj jaran laŭvolan kotizon da 1 Sm. minimume. Ili ricevas I. P. R.

2o *iaj izoluloj* pagantaj minimume 0,2 Sm. Ili ricevas ĉiujare unu ekzempleron de I. P. R.

c) BONFARANTAJ ANOJ. — 1e *iaj societoj* pagantaj ĉu 10 Sm. jare, ĉu 40 Sm. unufoje.

2e *izoluloj* pagantoj ĉu 4 Sm. jare, ĉu 20 Sm. unufoje.

Tiaj bonfarantaj anoj rajtas ricevi nacian kaj internacian bultenon.

*IV. Komitato.*

La administra konsilantaro konsistas el delegitoj elektitaj de ĉiu landa Asocio (aktiva ano) po unu delegito por 50 anoj aŭ ono de 50 anoj

Izoluloj opiĝas por elekti unu delegiton.

*V. Estraro.*

Ĉiujare la ĝenerala kun eno elektas prezidant*an* asocion inter la landaj asocioj, aktivaj anoj de I. A. I. Tiu asocio elektas mem prezidanton, vicprezidanton, sekretarion kaj kasiston.

*VI. Kunvenoj.*

Ĉiujare dum la internacia esperantista kongreso okazas ĝenerala kunveno.

Ĉiuĵ anoj de I. A. I. povas ĉeesti kaj diskuti sed nur la rajtigitaj delegitoj povas alpreni decidojn.

Ia delegito povas reprezentigi sin per alia delegitoj.

*VII. — Bulteno*

La oficiala organo de I. A. I. estas I. P. R. kies ĉefredaktoro estas elektata de la ĝenerala kunveno.

Ĉiu nacia asocio devas komisii specialan korespondanton al I. P. R., kies tasko estos ĉiumonate sendi artikoleton pri la okazintaĵoj interesaj en sia lando.

Estus dizirinde ke I. P. R. enhavu regule :

Oficialaĵojn — ĉiunaciajn novaĵojn rilate al nia fakokongresajn temojn diskutotajn artikole antaŭ la kongresodemandaron kaj respondaron — ĉiajn pedagogiajn artikolojn.

*VIII. Diversaĵoj.*

La financa jaro komencas je la dato de la ĝenerala kunveno.

Okaze de disiĝo la kaso de I. A. I. estos donacita al ia pedagogia instituto montrata de la ĝenerala kunveno.

J. Aizière
rue de Berlin, Alfortville, apud Parizo. Francujo.

---

ESPERANTO ĈE BOHEMA JUNULARO.

Estas konata fakto, ke novaĵoj vekas atenton de de maturaj homoj kaj eĉ de infanoj. Bohemaj gejunuloj el Bohemujo, Moravio kaj Silezio, preskaŭ nur lernantoj de popola kaj burĝa lernejoj jam de longatempo legas kaj subtenas sian ilustritan gazeton, nomitan « Maly Ĉtenar » kaj eldonatan en la ĉefurbo Praha La nuna jarkolekto 1913-4 alportis al sia malgranda legantaro surprizon. Ĝi estas « Esperanta angulo », redaktita de instruistino Julie Ŝupichovà. Ke ĝi bonvenis al koroj de bohemaj gejunuloj, atestadas la preskaŭ ĉiutage alvenantaj esprimoj de konsento kaj danko de junaj legantoj. — Ili fariĝu bonaj batalantoj de nova ideo !

---

# Urĝa Alvoko.

*Karaj kolegoj !*

La kongreso de la franca federacio de geinstruistoj, kiu okazos en venonta Aŭgusto, diskutos demandon tre gravan por ni francaj geinstruistoj.

Tio estas la gardservo dum la intertempo inter la matena kaj la posttagmeza klas laboro.

La kolego komisiita por fari raporton, kaj alcentrigi ĉiujn sciigojn pri tiu temo rilate al la alilandaj lernejaj organizadoj petis mian helpon.

Mi estus tre feliĉa, se vi konsentos respondi la jenan demandaron.

Antaŭe mi tutkore dankas vin, kaj certigas vin pri miaj plej koraj sentoj.

J. Aizière,
Rue de Berlin, Alfortville
apud *Parizo*.
Francujo.

DEMANDARO

1. Nombro da labortagoj kaj ripoztagoj ĉiusemajne ?
2. Daŭro kaj horoj
1) de matena klaslaboro ?
2) de posttagmeza klaslaboro ?
3. Sumo de la lecionhoroj ĉiusemajne ?
4. De kiam la leĝo montras la devigajn lecionhorojn ?
5. Ĉu la geinstruistoj devas gardi la lernantojn ?
a) antaŭ la matenaj lecionoj ?
b) inter la matenaj kaj posttagmezaj lecionoj ?
6. Ĉu ekzistas organizado por lerneja manĝado ?
En kiaj lokoj tiu lerneja manĝado okazas ?
Kiu zorgas pri la lernantoj dum la manĝado ?
7. Krom la lecionhoroj, ĉu oni trudas al la instruisto
a) aliajn lernejajn servojn ?
b) nelernejajn servojn ?
8. Montri la daton de la leĝoj aŭ regularoj kiuj organizas tiujn servojn ?

Bonvolu respondi plej precize eble montrante la oficialajn regularojn. Rilate 1° al la urbaj lernejoj — 2° al la kamparaj lernejoj.

RESPONDARO POR FRANCUJO

1. Ĉiusemajne la geinstruistoj havas 5 labortagojn kaj 2 ripoztagojn : jaŭdon kaj dimanĉon.

2. Lerneja modela regularo estis starigita kaj modifiita de diversaj ministroj : 18 Januaro 1887-29 Decembro 1888 kaj 26 Julio 1905. Tiu regularo estas gvidilo por la verkado de la departementaj regularoj.

La 6a artikolo diras : La lecionoj daŭros 3 horojn matene kaj 3 horojn posttagmeze. La matena klaslaboro komencos je la 8a kaj la posttagmeze je la dektria.

Tamen laŭbezone tiujn enirhorojn povos modifii la ĉefinspektoro post peto de lokaj aŭtoritatuloj kaj aprobo de unuagrada inspektoro.

En Parizo kaj multaj aliaj urboj la matenaj lecionoj daŭras de la 8a 1/2 ĝis la 11a 1/2 kaj la posttagmezaj de la 1a ĝis la 4a.

Laŭ la 7a artikolo : la lerneja departementa konsilantaro povas, post propono de la ĉefinspektoro kaj aprobo de la urbkonsilantaro, permesi la organizadon de duonlabortagaj lernejoj.

En tiuj lernejoj la direktoro apartigas la lernantoj laŭ du grupoj. La lecionoj okazas por unu el tiuj grupoj matene de la 8a ĝis la 11a, kaj por la dua grupo posttagmeze de la 1a ĝis la 4a.

Tamen kiam la gepatroj petas pri tio, la infanoj povas ĉeesti la du seriojn da lecionoj.

Nur en deko da departementoj, en montara lando, tiaj lernejoj ekzistas.

3-4. Semajne la geinstruistoj instruas dum 30 horoj-ministeria ordono de la 18an de Januaro 1887.

5. a) Kvankam nenia leĝa ordono trudas tion, la pordoj de la lernejo estas malfermataj almenaŭ dum 1/2 horo antaŭ la lecionoj matene kaj posttagmeze, kaj la instruisto laŭvice devas observi la lernantojn laŭ departementaj regularoj.

b) La 9a artikolo de la modela regularo diras : la instruisto devas gardi la infanojn, kiuj ne reiras hejmen post la matenaj lecionoj, ĝis kiam ili forlasas definitive la lernejan domon.

6. Multe da komunumoj organizis lernejajn tagmanĝojn, kiuj okazas ĉu en lerneja ĉambro ĉu en aparta ĉambro.

En Parizo la malriĉaj infanoj ricevas senpage la lernejan tagmanĝon, la aliaj pagas nur la kostprezon (de 10 ĝis 25 centimoj).

Ĝenerale la gardado estas farita de la instruistoj ĉu senpage, ĉu por ia salajro malsama laŭ la komunumoj. En Parizo la instruistoj ricevas por tiu servo 1 fr. 50 por unu horo.

7. a) Laŭ la 10a artikolo de la modela regularo : ĉiu el la instruistoj laŭvice devas observadi la lernantojn dum la liberaj ludoj sur la korto (kvaronon da horo matene inter lecionoj, kaj same posttagmeze). Ili devas ankaŭ gardi la punitajn lernantojn post la posttagmezaj lecionoj (1/2 horo maksimume) Post la labortago regula, studtempo sub observado de instruisto povas esti organizita en la unuagradaj lernejoj. Por tio pagas la gepatroj. La gardado estas laŭvola por la instruistoj, tamen la lernejestro ĉiuokaze devas observadi tiun servon.

b) Multaj geinstruistoj kondukas vintre vesperajn kursojn por plenkreskuloj — tiu servado estas pagata sed tre malmulte. Multaj kolegoj ankau okupiĝas pri asocioj de malnovaj lernantoj, ŝparkasoj, lerneja mutualeco, k.t.p. Tiuj servoj ne estas dervigaj, sed morale la instruistoj devas fari ilin.

La ĉefaj libertempoj okazas en Aŭgusto kaj Septembro, ili daŭras 6 semajnojn. Kiam la komunumoj organizas libertempajn klasojn aŭ kiam la instruisto okupiĝis pri postlernejaj organizaĵoj, tiuj libertempoj daŭras 8 semajnojn.

Aliaj libertempoj : Pasko : de 7 ĝis 11tagoj
Kristnasko kaj Novjaro : de 3 ĝis 8 tagoj
Mortintfesto (2 novembro) : 1 tago
nacia festo : 1 tago
komunuma festo : 1 tago.

J. AIZIÈRE.

---

RESPONDARO POR BELGUJO.

1. Ĉiusemajne la geinstruistoj havas 5 1/2 labortagojn kaj 1 1/2 ripoztagon (Jaŭdon posttagmeze kaj dimanĉon).

2. Laŭ la ŝtata modela regularo la instruado daŭros 2 1/2 aŭ 3 horojn matene kaj 2 1/2 aŭ 3 horojn posttagmeze. La komunumoj rajtas laŭbezone modifii tiun regulon.

En Antverpeno (la plej granda urbo el Belgujo), teorie, laŭ regulare, la lecionoj komencas matene je la 8a, sed ĉar en la antverpenaj komunumaj lernejoj la religia instruado, ordonita de la ŝtato ne estas donita, pro peto de la gepatroj de ĉiuj gelernantoj, ili nur komencas je la 8 1/2. La klasoj de la unua grado finiĝas je la 11a, tiuj de la dua grado je la 11 1/2, kaj tiuj de la tria grado je la 12a, Ĉiuj klasoj rekomencas postagmeze je la 2a, por finiĝi je la 4a, Tamen lunde, marde, merkrede kaj vendrede la klasoj de la tria grado nur finiĝas je la 5a. Tiam la lernantoj de tiuj ĉi klasoj havas 1 horon da studotempo sub gardado en instruistoj kiuj estas pagataj 60 Sm. jare por tiu speciala servo.

3-4. Laŭ leĝo de 1884 la lernejo devas estis malfermita almenaŭ 20 horojn ĉiusemajne, ne enkalkulite la tempon por religia instruado. Sed la ŝtata modela regularo montras la dividon de la tempo por 25 horoj ĉiusemajne.

En Antverpeno teorie la instruistoj laboras en la unua grado 28, en la dua grado 31 kaj en la tria grado 34 horojn (praktike nur 25, 28 kaj 31 horojn).

5. Laŭ art. 13a de la modela regularo : « La ĉefinstruisto kaj la instruistoj devas zorge gardadi la lernantoj dum ilia eniro en la korton, dum la eliro el la klasoj kaj dum la ludtempoj.

La korto de la lernejoj estas malfermata duonhoron antaŭ la komenco de la lecionoj (je la 8a matene, kaj je la 1 1/2 posttagmeze). La instruistoj laŭvice gardas la infanojn dum tiu tempo. Dum la ludotempo (kvarono da horo inter la matenaj kaj la posttagmezaj lecionoj) ĉiuj instruistoj aŭ nur unu gardas la lernantojn (En Antverpeno la direktoro de la lernejo ne devas gardi la infanojn.)

6. Generale ne ekzistas lerneja manĝado en Belgujo. Nur en lernejoj, kien venas lernantoj el aliaj komunumoj, la estraro aŭ la instruisto povas organizi tiun servon. La manĝado tiam okazas en speciala ĉambro sub la gardado de instruisto kiu estas pagata por tiu eksterordinara servo.

7. Krom la ordinara taga instruado kaj la gardado de la lernantoj la instruistoj ne povas esti devigataj fari ion alian, eĉ aparte pagitan servon.

La junaj instruistoj observadas la lernantojn de la 3a grado (superaj klasoj) dum la ĉiutaga studotempo (de la 4a ĝis la 5a p. m.)

La pli aĝaj instruistoj kondukas vintre vesperajn kursojn por plenkreskuloj.

En Antverpeno estas en ĉiu lernejo unu instruisto kiu okupiĝas pri lerneja mutualeco.

8. Ne ekzistas leĝoj aŭ regularoj kiuj organizas tiujn servojn, ĉar ili estas nedevigaj.

9. La modela regularo difinas jene la libertempojn kaj ilian daŭron.

Art. 34. La libertempaj tagoj estas.

Dimanĉe, ĵaŭde aŭ sabate posttagmeze ; le 1an kaj 2an de novembro, la 15an de novembro, patrona festo de la reĝo ; de la 25a de decembro ĝis la 2a de januaro, Ĉieliro, la lundon de Pentekosto, la 21an de julio (nacia festo), Maria Ĉieliro, lundon kaj mardon de la komunumaj festoj kaj de Karnavalo.

La Paska libertempo komenciĝas unu semajnon antaŭ Pasko kaj finiĝas unu semajnon poste ; la somera libertempo, la unuan lundon de Aŭgusto ĝis sep semajnoj poste.

J. Jacobs, Antwerpen.

---

## Internacia Enketo pri eksterprofesia labors de geinstruistoj

En ĉiuj landoj geintruistoj laboras eksterprofesie por plialtigi sian salajron. En Franclando 30.000 geinstruistoj plenumas la oficon de sekretarioj en urbdomoj. Sed

tiumomente ili plendas tial ke la laboro ĉiutage kreskas neproporcie kun la salajro konsentita de komunumoj. Pro tiu grava situacio, kiu konstante akriĝas kaj okazigas konfliktojn mi tre petas gekolegojn dissemitaj diverslande sendi al mi sciigojn pri eksterprofesia laboro de geinstruistoj, nome respondi la jenajn demandojn :

1 Pri kio okupiĝas geinstruistoj el via lando ekstere siaj kutimaj laboroj.

2. Kiu ilin pagas ? Salajro konsentita ?

Al ĉiuj samideanoj kiuj bonvolos utili al mi, mi respondos letere aŭ p. k. kaj donos informoj pri sama aŭ alia temo laŭ deziro esprimita. Antaŭdankojn.

André Rouveret
Instruisto - Sekretario en Bagard
departemento Gard - Francujo.

---

**Malnovaj membroj kiuj jam pagis sian kotizon por la jaro 1913-1914.**

75, S-ro J. Maréchal ; 143, S-ro M. Kostin ; 3, S-ro M. Sykora ; 133, S-ro V. Zamjatin ; 118, Moskva Esperantista Societo ; 59, S-ro F. Drudin ; 121, S-ro H. Schmiedeberg ; 110, S-ro G. M. Gérault ; 22, S-ino Giraudet ; 8, F-ino Hubert ; 104, S-ro Ilmari Manner ; 20, S-ro S. Kuznecov ; 100, S-ro G. Tétaud ; 24, S-ro J. Bourniche ; 134, S-ro C. Lhuissier ; 33, S-ro C. Carlsen ; 120, S-ro H. Dreusicke (ankaŭ por la jaro 1914-1915) ; 60, S-ro Koziara ; 141, S-ro T. Vizner ; 32, S-ro J. Aizière ; 170, S-ro Leab (por la jaro 1914-1915) ; 97, S-ro W. Jeziorski ; 39, S-ro B. Doucek.

---

## ŜANĜO DE ADRESO

S-ro F. Maréchal, 14a, Blenheim Terrace, Leeds Anglujo.

S-ro V. N, Zamjatin, Elatjma, Tambovsk gub., Ruslando.

S-ro Sergio Kuznecov, Plotniĉnij per d. 10, loĝ, 3, Nijnij Novgorodo, Rusujo.

## Membroj kiuj aliĝis antaŭ la 1ade Junio 1914.

172. Sro Antti Râty, Kelva, Finnlando. Sm. 0.988
143bis. Manĝura Pedagogia Societo, Sungarijsky, 5, kv. Kostina, Ĥarbin, Manĝurujo. 1.—
173. Sro Ajzik Zarecki, Universitato, Lifl. gub., Jurjev Ruslando. 1.—
174. Sro G. Tupicin, Furmannij per. 6, Moskvo, Ruslando.
175. Sro P. Zoffmann, Kolding, Danujo. 1.—
176. Sro A. Salukadze, Cesi. Kutaisk. gub. selo, Ĥotevo, Ruslando. 1.—
177. Sro Miron Petrov, Jelezno dorojnoje učiliĉe, St. Smjanpo, Kit. Vost. ĵ d. Manĝurujo 1.—
178. Sro J. Christoffersen, Villa Spes, Charlottenlund, Danujo.
179. Srô I. G. Ĉekunkov, Novo-Aleksandrovsk, Kov. gub. Olejnikovskoe učiliŝĉe, Rusujo 1.—
180. F-ino Anastasia Uberskaja, Staraja Usitva, Ostrov, Pskov. gub., Ruslando 1.—
181. F-ino Olga Nikifirovskaja, Staraja Usitva, Ostrov, Pskov. gub., Ruslando 1.—
182. S-ro Paul M. Schuyler, Pickford, Michigan, Usono 1.—
183. S-ro K. Frey, Schoental-Kronau, Cher. K., Ruslando 1.—
184. S-ro Jul. Prochaska, Savin apud Litorel, Moravio, Aŭstrio 1.—
185. S-ro L. Lambert, rue du Chemin Vert, Paris XI, Francujo 1.—
186. S-ro E. Oelmann, Hirtenstr., 62, Hamburg, Germanujo 1.—
187, S-ro Emilio Amor Rolan, Santo Domingo, 62, Orense, Hispanujo 1.—
188. S-ro Franciszek Zolich, Maryanskie Gory, Moravio, Aŭstrio 1.—

## Monoferoj.

S-ro M. Kostin (0,840 Sm); S-ro M, Sykora (0,600 Sm); S ro V, Drudin (0,588 Sm); S-ro G. M. Gérault (0,200 Sm); S-ro Kuznecov (0,100 Sm); S-ro H. Dreusicke (0,800 Sm); S-ro Koziara (1 Sm); S-ro Rolan (0,500 Sm); Fino Lawrence (1,300 Sm)

---

## Abonoj.

Societo Esperanto de Spa, 6, place des écoles, Spa (Belgujo) Sm. 1,500

Manĝura Esperanta Societo, Jelezno dorojnoe Sobranie. Ĥarbin, Manĝurujo. Sm. 1,500

S-ro G. P. Ferree, Grant Park, Illinois, Usono. 1,500

---

## Venditaj

100 poŝtkartoj al S-ro Kostin (1 Sm.); 1 Tutmonda Lernolibro de S-ro Maréchal al S-ro Kostin (0,500 Sm.); 6 akvo-trinkpokaletoj al S ro Kostin (0,100 Sm.); malnovaj numeroj de I. P. R. al S-ro Zarecki (0.200 Sm.); 30 poŝtkartoj al S-ro Manner (0,392 Sm.); 1 Tutmonda Lernolibro de S-ro Maréchal al S-ro Kuznecov (0,500 Sm.); 30 ekzempleroj de I. P. R. al S-ro Kaszycki (1,200 Sm.); 13 poŝtkartoj al S-ro Bourniche (0,200 Sm.); anoncoj de S-ro J. Sœnnecken (20 Sm.).

---

# PETO.

*Karajkolegoj !*

Kiel membro de la I. A. I. mi skribas al vi peton. La trian jaron mi instruas esperanton en la lernejo de Schönau-Chemnitz. Ĉiupaske okazas publikaj esperantaj ekzamenoj bonege vizititaj. Ekzistas du klasoj, la unna

por komencantoj, la dua por progresintoj. La gelernantoj forlasintaj la lernejon fondis ĉi tie grupon « *Juna geesperantistoj de Schönau-Chemnitz*, Multaj eli li korespondas kun eksterlandaj samideanoj. Kelkaj el ili ĝis nun ne trovis korespondantojn malgraŭ denovaj provoj. Por anoncoj ne sufiĉas la mono de la gejunuloj. Mi nun supoŝas, ke eble kelkaj eksterlandaj kolegoj estas en la sama situacio kiel mi nome ke ili serĉas korespondantojn por siaj gelernantoj. Tial mi petas vin, ke vi helpu min. Certe kelkaj kolegoj volonte disdonos la adresojn. Per tio ili tre helpu al nia afero.

Jam nun mi dankas al vi por via afabla helpo. Sincere salutas via W. HAHN, instruisto,
Schönau-Chemnitz. Saksujo.

## JEN LA ADRESOJ

### KNABOJ

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Johannes Gebhardt, | Schönau- | Chemnitz, | Zwickauertr. | 90 |
| Herbert Kreyssig, | » | » | Zwickauerstr. | 41 |
| Fritz Rüdiger. | » | » | Zwickauerstr. | 90 |
| Alfred Reuter | » | » | Zwickauerstr. | 1 |
| Alfred Wagner | » | » | Zwickauerstr. | 93 |
| Emil Tutzschky | » | » | Stelzendorferstr. | 6 |
| Fritz Haubold | » | » | Zwickauerstr. | 49a |

### KNABINOJ.

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Gertrud Wagner, | Schönau- | Chemnitz, | Zwickauerstr. | 93 |
| Elsbeth Reichel, | » | » | Stelzendorferstr. | 7 |
| Luise Mörschel | » | » | Zwickauerstr. | 49a |
| Frida Mauersberger | » | » | Zwickauerstr. | 59 |
| Elsa Diener | » | » | Zwickauerstr. | 59 |
| Klara Tûrpe | » | » | Stelzendorferstr. | 11 |
| Elsa Kändler | » | » | Nordstrasse. | 3 |
| Gertrud Auerbach | » | » | Zwickauerstr. | 78 |
| Wally Gärtner | » | » | Nordstrasse, | 5 |
| Elsa Haubold | » | » | Zwickauerstr. | 48a |
| Elly Nenmann | » | » | Stelzendorferstr. | 10 |

La sekvantaj dek-kvarjaraj knabinoj, lernantinoj de S-ino M. Vidal (Lyon-Francujo) deziras korespondadi:

Yvonne Robin, 147, Grande rue Monplaisir, Lyon Francujo.

Thérèse Convert, 140, Grande rue Monplaisir, Lyon, Francujo.

Marie-Louise Chabert, 67, Chemin Sablonniers, Lyon, Francujo.

---

## *Alvoko al ĉiuj progresemuloj!*

En Beroun, malgranda urbeto apud Praha (Bohemujo) okazis nekredebla sed bedaŭrinde amare vera afero. — Loĝantaro de la urbo Beroun tre interesiĝis pri nia lingvo kaj ni eluzinte plej favoran tempon por agi, ni aranĝis la propagandan paroladon pri esperanto: (paroladis S-ro Ŝidlo, redaktoro de «La Kulturo»).

Multaj instruistoj de la burĝ-kaj popolaj lernejoj en Beroun varmege rekomendis lernadon de esperanto al ĉiuj gelernantoj. La parolado eĉ la afabla subteno de instruistoj tre efikis, ĉar al nia kurso aliĝis 200 gelernantoj. — La 1an de aprilo komenciĝis du kursoj; la unuan konsistantan el 80 gelernantoj de gimnazio kaj de popolaj-kaj burĝaj-lernejoj, gvidis S-ro Antonio Ràz, instruisto, kaj la alian kun 120 da gelernantoj gvidas S-ro Francisko Kraus, policisto.

La gelernantoj en ambaŭ kursoj rapide progresis kaj ni estis plej feliĉaj pro nia sukceso, sed, ho ve — post nelonge okazis io, kio eble ankoraŭ ne okazis en la tuta mondo.

La direktoro de ĉi tiea gimnazio S-ro D-ro P-ro Oktavian Wagner tre malnoble konsilis al ĉiuj gimnazianoj ke ili ne lernu esp-on kaj tiamaniere, ke la gestudentoj eksciis el la vortoj de S-ro Wagner ne ĉiu estos venĝata, kiu ne obeos lian konsilon.

De tiu tago eĉ ĉiuj profesoroj de tiu ĉi gimnazio sekvas la ekzemplon de S ro direktoro, mokante al ĉiuj vizitantoj de la kurso, pruvante dum gimnazia instruado al ili, ke esp-o ne estas lingvo, sed lingvaĉo, senvalora ludilo, kiun neniu povas praktike uzadi : (la esperantistoj eĉ dum kongresoj ne povas interkompreniĝi, uzante esp-on).

La gestudentoj, timante la venĝon de siaj estroj, tuj eksiĝis el la kurso.

Do ni petas ĉiujn vere progresemajn samideanoj, ke ili bonvolu helpi nin konvinkiĝi S-ron D-ron P-ron Oktavian Wagner kaj lian profesoraron, ke esperanto estas neniu lingvaĉo, sendante al li esperante skribitajn protestojn kaj admonon, ke li respondu sian plej malprogresan kulturan krimon.

BEROUN-AJ ESPERANTISTOJ.

---

## GRAVEGA ALVOKO

Dum la proksima somera libertempo okazos en Göteborg (Svedujo) nacia kongreso de la sveda geinstruistaro. La prezidanto de la direktanta komitato de la kongreso estante idisto, li intencas konigi la lingvaĉon de la reformemuloj organizante ekspozicion Ni ne povas preterlasi tiun okazon por konigi al la proksimume 1000 ĉeestantoj la disvastiĝon kaj prosperadon de Esperanto. Ni do kun helpoj de la tieaj amikoj ankaŭ organizos ekspozicion por kiu ni petas la kunlaboradon de la tuta esperantistaro. Ni afable kaj insiste petas ĉiujn esperantistojn eldonistojn, asociojn ke ili sendu al ni kiel eble plej baldaŭ ĵurnalojn, librojn, adresarojn, nomarojn, reklamilojn, statistikajn tabelojn, poŝtkartojn, leterojn, unuvorte ĉiajn esperantaĵojn kiuj povas konigi la uzeblecon kaj disvastiĝon de nia kara lingvo.

J. JACOBS

Ĝenerala kasisto de Internacia Asocia de Instruistoj.

Bomsche Steenweg, 444. Antwerpen. — Belgujo.

(Ni petas ĉiujn esperantajn gazetojn represi tiun ĉi alvokon.)

# BIBLIOGRAFIO

*Bromberg*, (Germanujo) la urbo de Frederiko la Granda, bele ilustrita, 10 paĝa gvidfolio, transdonita de la Urbestraro. Informojn donas la oficejo de la Germana Esperanto Asocio (loka grupo Bromberg,) delegito de U. E. A.: S ro Ed. Szymanovski, Werderst. 23, II kaj la urbestraro.

*Reĝaj varmfontoj en banurbo Ems* (Germanujo), gvidfolio tre interesa, eldonita de Königliche Bade-u. Brunnendirektion, Bad Ems, Germanujo.

*Karaktero* laŭ Mr. J. M. Van Stipriaan Luiscius, advokato en Hago, tria plivastigita kaj plibonigita eldono, tradukita laŭ la 8a eldono de l'nederlanda originalo. Eldonejo: Librejo « Espero », Hago (Nederlando). Prezo = 0,200 Sm,

La libro estas por ni, geinstruistoj, tre leginda pro sia valora enhavo; ĝi pritraktas la jenajn temojn: Kio estas karaktero? Kiel oni formas karakteron? El kio konsistas bona karaktero? Bonvoleco; ĝentileco; devokonscio; modesteco; dankemo; takto; menregado; precizeco; kuraĝo; gajeco; volforto; pacienco; honesteco; veramo; justeco; seriozeco; simpleco; memfido; patrujamo; pacamo; toleremo; kontenteco; spiritforto.

*Fabrikado de l'metala skribilplumo* laŭ broŝuro eldonita de Heintze kaj Blanckertz, Georgenkirchestrasse, 44, (Berlin), el la germana lingvo esperantigis Supera Poŝtasistanto Jablonski (Breslau).

*Titolaro* de Esperantaj verkoj tradukitaj el la franca literaturo (1887-1912), eldonis « Esperanta Biblioteko » de Georg Davidov en Saratov. Ricevebla ĉe la aŭtoro Georg Davidov, Poŝtkesto 12, Saratov (Ruslando). Prezo: 0,250 Sm.

*Katalogo* de Moskva Librejo « Esperanto », 3, Lubjanskij pr., 3, Moskvo, Ruslando. 7a eldono — Januaro 1914.

*Kelkaj vortoj pri la lupoj en ŝaffeloj* de Foss, N. N., eldono de Esp. Bibl. de G. Davidov en Saratov (Ruslando). Prezo: 2 kop.

*Pourquoi les Instituteurs doivent apprendre l'Esperanto* par J. Aizière, instituteur public, eldonita de la S. F P. E., 33, rue Lacépède, Paris (Francujo) Prezo : 0,05 fr.

Tiu 26 paĝo broŝuro, franclingve redaktita de nia agema membro, klare montras la necesecon por la geinstruistoj lerni la esperantan lingvon. Ĝi enhavas la sekvantajn ĉapitrojn : 1. Internacia helpa lingvo. Ĝia neceseco. 2. La nuna disvastiĝo de Esperanto. 3. Esperanto kaj la instruistoj. 4. Esperanto « latino de la demokratio. » 5. Nia celo. 6. Kie ni estas. 7. Esperanto ĉe la lernejo. Franca asocio de la membroj de la Instruado. 8. Kion oni devas fari.

Ni gratulas S-ron G. Aizière pro lia gravega propaganda verko kaj esperas ke ĝi baldaŭ ekzistu en ĉiuj naciaj lingvoj kaj en Esperanto.

---

## Aparta Kunsido por Esperanto

okazis dum la *ĉefkunveno de la germana instruistaro* en *Kiel* la 2. 6. 1914. Sekve de parolado pri la interrilatoj inter Esperanto kaj popollernejo (Thiel, Dresden) la ĉeestantaro decidis fondi « Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer » (Esperanto-Asocio de germanaj instruistoj). La organiza preparado estas farota de la estraro de la Esperanto Vereinigung Sächsischer Lehrer, (Esperanto-Asocio de Saksaj Instruistoj-sekcio de la Saksa Instruistaro) Oni petas la esperantistemajn germanajn kolegojn aliĝi sendante la jarkotizon da unu marko(1 kr. 50 h, 1 fr. 50.)

Max Sykora, Dresden. N. Martin-Luther- Str. 6, prez., Franz Thiel, Dresden 29, Weidentalstr. 20, kasisto.

# KORESPONDADO

**Ruslando.** — Moskvo, Nikitskaja 10, kv. 21, S-ro V. Davidov, deziras korespondadi pri metodiko de Aritmetiko.

**Ruslando.** --- Moskvo, Universitato de Ŝanjavskij, Sinjoro Petro Kabanov (instruisto el Siberio), volontege korespondadas kun ĉiulandaj gekolegoj pri lernejoj kaj pedagogiaj demandoj, ĉu letere, ĉu per P. I.

## Avizo al la verkistoj kaj eldonistoj

———

Se vi vere deziras ke viaj verkoj kaj eldonaĵoj estu kiel eble plej multe vendataj, anoncu ilin en nia revuo. Viaj anoncoj estos legataj de niaj gemembroj, kiuj ĉiuj estas ne nur fervoraj esperantistoj, sed ankaŭ *instruantoj* de Esperanto. Al ili estas do komisiita konigi viajn verkojn kaj eldonaĵojn.

Gemembroj-verkistoj, profitu de la speciala rabato : neniu alia gazeto oferas al vi tiel profitigajn kondiĉojn !

Gekolegoj, varbu anoncantojn !

## — ĐANUBO —

Monata organo de la rumanaj kaj bulgaraj Esperantistoj
32 p., nur en Esperanto
Jara abono : 3.50 fr. (1, 400 Sm.)
Adm. : 14, str., Belvedere.
Bucuresti, Rumanujo.

---

## LINGVO INTERNACIA

—

Centra organo
Esperantistoj
La plej malnova el ĉiuj Esperantistaj gazetoj, fondita en 1895, aperas post la 15a de ĉiu monato.
Jara abono : 5 fr. (2 Sm.)

—

## JUNA ESPERANTISTO

—

Monata gazeto por junuloj, instruistoj kaj Esperanto - lernantoj
Jara abono : 3 fr. (1.200 Sm.)
Ambaŭ gazetoj kune : 7 fr.
Adm. : 33, rue Lacépède
— Paris —

---

## POLA ESPERANTISTO

—

Monata gazeto kun senpaga literatura aldono
Oficiala organo de la 8a
20 p., Esperante & pole.
Jara abono : 2.50 rb. (2.650 Sm.)
Adm. : Hoza 20, Varsovio.

## LA MOVADO

—

Franca esperantisto
Monata organo de la francaj esperantistoj
16 p., Esperante & france
Jara abono : 3.25 fr. (1,300 Sm.)
Adm.: 61, Boulevard St-Marcel,
— Paris —

---

## LA HOLANDA PIONIRO

—

Monata oficiala organo de Holanda Societo Esperantist
4 paĝa grandformata, Esperante & holande
Jara abono : 1.20 fl. (1 Sm.)
Adm. : Prinsestr., 48, Hago.

---

## ITALA ESPERANTISTO

—

Monata oficiala organo de Itala Esperanto Asocio
12 p.. Esperante & itale
Jara abono : 3 l. (1,20 Sm.)
Adm. : 13, Salita Pollaiuoli.
— Genova —

---